# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

15-a jaro (Numero 4) 1936.

Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj).

**Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)**

**Redaktoro: E. J. BOLTJES.** Engelschelaan 30. **Winschoten** (Nederlando).
**Administranto: P. KORTE.** Schoolstraat 13. **Veendam.** (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
**Prezidanto de TAGE: Dro Bj. BECKMAN,** Konstapelsgatan19 Karlskrona, **Svedujo.**
**Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda** (Gron.) (Nederlando).
**W. H. MOOK.** Nassauplein 15a. **Groningen** (Nederlando).


## Jarraporto pri T.A.G.E.

Post nia konferenco en Arnhem, dum la pasinta jaro, ne okazis grandaj ŝanĝoj sur T,A.G.E. tereno. Ni povas konstati ke la krizo en nia asocio jam atingis sian plej malaltan punkton kaj ke, kvankam matrapidege, sin anoncas pliboniĝo. Ŝajnas, ke la instruistaro ekkomprenas, ke internacia unniĝo de popol-edukistoj-esperantistaj, rajtas ekzisti. Tamen tro multe oni nur petas informojn al ni, aŭ laŭdas nian laboron kaj tro malmulte la interesiĝantoj anoncas sin kiel veraj kunbatalantoj.

Dum la pasinta jaro nia organo regule aperis. I.P,R. nun estas presata en Nederlando. Tio estas pli oportuna por la redakcio kaj pli malmultekosta. Ni esperas ke la nova aranĝo havos la simpation de niaj legantoj. El kelkaj landoj nin atingis plendoj: „I.P.R. fariĝu pli ampleksa kaj la estraro eldonu ĝin ĉiumonate". Jes, la estraro volonte farus tion, se la kaso nur tion permesus. La pli granda amplekso kaj pliofta aperado dependas de vi ĉiuj, karaj gekolegoj. Diskonigu nian asocion, parolu kun viaj kamaradoj kaj varbu, varbu! La estraro faros kun granda plezuro la necesajn laborojn, kiam la anaro kreskas. Pri la ĝenerala propagando kaj la taskoj de niaj reprezentantoj mi nun ne parolos. Tiuj, kiuj interesiĝas pri tio, povas legi niajn sugestojn en I.P.R. no. 4, 1935. Ne necesas nun ripeti ĉi tie. Nur mi ne povas ne atentigi pri la redakcia laboro por nia revuo. Kunlaboru, gekolegoj, kaj sendu artikolojn. Ĉie ja, en ĉiu lando, en ĉiu instrua medio ja okazas io, kio estas interesa por ni ĉiuj. Per via helpo nur I.P.R. povas esti leginda. Nepre ne forgesu tion!!

La nombro de niaj anoj iom kreskis. Precipe en Nederlando. Tie nia T.A.G.E-sekcio havas preskaŭ 70 anoj. Soedujo ankoraŭ superas per 105. En Aŭstrujo, la landa unniĝo de instruistoj-espe-

rantistaj promesis komenci la varbadon. Eble en la venonta jaro, ni havos fortikan sekcion tiean. Jam nun, bonvenon! Plue, precipe en Bulgarujo kaj Jugoslavujo la instruistaro interesiĝas por nia laboro. El Danujo oni tre ofte petas informojn; ŝajne multaj interesas sin pri T.A.G.E. sed preskaŭ neniu aniĝis. Kial ne? Ĉi tie mi volas kun granda danko mencii la malavaran helpon pere de la esperanta gazetaro. Multaj gazetoj presis senpage nian alvokon al la tutmonda kolegaro.

En kelkaj landaj kongresoj okazis apartaj kunvenoj de geinstruistoj. Tia aranĝo estas treege favora al nia movado. Mi pensas al la modela laboro de nia jugoslava agento Golobiĉ. Ĉu niaj landaj reprezentantoj volas pripensi samajn aranĝojn por la estonto? Volonte ni sendos varbmaterialon. Ĉi tiun jaron okazos T.A.G.E. konferencoj en Vieno, dum la U.K., kaj en Helsingör dum la internaciaj Ĉe-kursoj. La unuan gvidos nia eksprezidanto, s-ro Roome, kaj la duan, nia nuna prezidanto s-ro D-ro Beckmann. Por la unua fojo T.A.G.E. aranĝas karavanon el Nederlando al Helsingör. Esperu ni ke ĉiuj aranĝoj sukcesos, kaj ke ili precipe plifortigos la kontakton inter niaj anoj.

La listoj de la korespond-oficejo daŭre aperis, kune kun nia revuo. Ĉar kelkaj anoj preferas sin anonci rekte al ni, ni decidis presi en I.P.R. senpage, korespond-adresojn por instruistoj kaj gelernantoj. Kompreneble tia aranĝo validas nur por T.A.G.E.-anoj, kaj *nur* por tiuj, kiuj ne ŝatas la peradon de la korespondoficejo. *Ni* tamen konsilas uzi la servon de la oficejo de k-ino Moelke en Berlino.

Karaj gekolegoj, tre koncize mi raportis al vi pri la nuna stato de nia movado. La nombro de proks 350 anoj estas malgranda, sed per via dediĉa laboro ĝi certe povos duobliĝi en la venonta jaro. En ĉiuj landoj ja estas sufiĉe da kolegoj, kiuj scipovas Esperanton. Ili nur atendas vian varbadon. Varbudo, kaj helpu nin, en nia malfacila laboro. Varbu por forta T.A.G.E.

P. K.

---

# Agrabla interkonatiĝo.

La 13-an de junio nia prezidanto, s-ro Beckmann vizitis nin, la laborkomitatanojn. Lia libertempo jam komenciĝis. Du monatojn kaj duonan daŭras la someraj ferioj en Svedujo. Feliĉaj infanoj! Sed eĉ Svedujo ne estas surtera paradizo. Longa ja estas tie la vintro.

Matene je la 8½ sro Beckmann forflugis el Malmö al Kopenhagen, de Kopenhagen al Schiphol apud Amsterdam, kie unu el niaj

aninoj, fino Mannoury, tre fervora esperantistino, lin bonvensalutis, de Schiphol al Eelde, apud Groningen, kie s-roj Korte kaj Mook lin akceptis, kaj je la tria ni jam povis priparoli diversajn aferojn ĉe niaj bonaj geamikoj Mook. Poste bonega tagmanĝo.

Sro Beckmann malfermis la konvenon per ŝerco. „Amikoj, kiam mi fariĝis via prezidanto, la sveda gazetaro komunikis tion. De tiam mi estas granda eminentulo por la infanoj en mia loĝloko. Infano en Karlskrona eĉ skribis en verkaĵo : en nia urbo loĝas la ĉefo de ĉiuj Esperantistoj. Alia infano eĉ opiniis : en nia urbo loĝas la prezidanto de la Ligo de Nacioj.

Mi esperas, ke vi, komitatanoj, kaj mi ĉiam estos bonaj amikoj, kiel la svedoj kaj la nederlandanoj nuntempe estas bonaj amikoj, ĉu sveda princo edzinigos vian princinon aŭ ne.

En la 17a jarcento niaj antaŭuloj ofte interbatalis. Ĉi tiun matenon mi flugis trans la lokoj, kie en 1658 kaj 1676 la danoj kun nederlandaj helptrupoj terure batalis kontraŭ mia patrujo.

Sed nun via kaj mia patrujo estas partoj de pli granda unuo : la Ligo de Nacioj."

La sekvantan tagon nia prezidanto vizitis Rottum, malgranda insulo, konata el la originala romano de Bulthuis : Idoj de Orfeo.

Du tagojn poste kolego Bekmann vojaĝis per aŭtobuso laŭ la fama granda sudmara digo. Sed tie okazis terura miskompreno.

Tie estas ŝildo, sur kiu oni povas legi :

„Fotograferen verboden" („fotografado ne permesata"), sed nia prezidanto ne scipovas la nederlandan lingvon : oni ja ne povas esti kapabla legi ĉiujn lingvojn. Li filmis, kaj . . . oni arestis lin. Ĉu spiono ? Feliĉe, baldaŭ li ree estis libera.

Ĉi tiu okazo denove pruvas kiel necesa estas mondhelplingvo.

Kolego Beckmann, ĝis revido. Tre agrabla estis por ni la interkonatiĝo.

---

# Instruistaj fakkunsidoj.

**dum la 28-a Universala Kongreso de Esperanto en Wien.**
**8. - 15. aŭgusto 1936.**

Laŭ la ĝisnunaj spertoj la *kongresanoj ne* havas tempon kaj emon, por longe sidi en kunsid-ejoj, kaj krome okazos ankaŭ aliaj gravaj fakkunsidoj, ekzemple de U.E.A.

Sed la *laboro* dum la *„Instruistaj fakkunsidoj"* estos *tre urĝa,* ĉar de la *enkonduko de Esperanto en la lernejojn dependas la finrezulto* de nia tuta movado.

Ni nur havas 2 kunsidojn, kiujn ni devas ĝisfunde eluzi ! Ne temos pri bagatelaĵoj, *sed* pri la estonta *kunlaboro* de la Esperanto-instruistoj kaj precipe de la koncernaj *ne-*Esperantistaj Esperant-*emaj* organiz-*aĵoj porinstruistaj en ĉiuj landoj ! !*

Postulu aŭ elpetu en via urbo *por vi* la *reprezentadon* (delegitecon) de gravaj *ne-*Esperantistaj *porinstruistaj unuiĝoj,* por ke vi povu en Wien paroli en la nomo de tiuj unuiĝoj, al kiuj *vi* poste peru nian gravan *rezolucion — destinotan al la ministerioj kaj al ĵurnaloj en ĉiuj landoj !*

La *ĉefdemando* estas, kiun tempon ni proponu al la diverslandaj ministerioj en la rezolucio!

1. Ĉu Esperanto estu enkondukata en la 2 lastaj instrujaroj de la *elementaj* lernejoj (por knaboj kaj knabinoj kun 13 jaroj) *kaj* de la *mez*lernejoj (geknaboj kun 17 jaroj)?
   (Laŭ la ĝisnunaj efektivaj spertoj ekzemple en Wien kaj en tuta Aŭstrio *ne* estas eble, enkonduki Esperanton en la *1.-6. klaso* de la *mez*lernejoj, ĉar la studantoj pro la deviga lernado de 3 lingvoj ne havas sufiĉe da tempo. Pli poste (en la 7. kaj 8. klaso) ili posedas jam bonan fundamenton, por lerni la pli facilan lingvon Esperanto, per la grandparte progresinta lernado de la lingvoj latina aŭ franca aŭ angla aŭ itala. En aliaj landoj verŝajne estas simila stato.)
2. Ĉu Esperanto estu enkondukata a. devige aŭ b. ne-devige?
   (La registaroj en preskaŭ ĉiuj landoj ŝparas nuntempe ĉe la elspezoj por instruado kaj devas ekkoni la efektivan utilon de iu ajn elspezo por nova instrufako.)
   Pluaj demandoj estas:
3. Kion vi povas raporti pri la E-instruado en *via urbo (lando)?*
4. Kia estas la ebleco, enkonduki E-on en la lernejojn en *via urbo (lando)* a. kiel deviga fako, b. kiel ne-deviga fako?
5. Ĉu ekzistas ĉe vi E-lektoratoj en altlernejoj?
6. Ĉu ekzistas ĉe vi Esperanto-ekzamen-komisiono a. ŝtata, b. ne-ŝtata?
   Bonvolu respondi al ni *tre baldaŭ mallonge* kaj *precize!*
7. Ĉu vi volas mem *krome* buŝe raporti dum la fakkunsidoj? Pri kio??
   Ne tro longe, ĉar la tempo estos entute nur dufoje po du horoj.

*Se* vi *baldaŭ* respondos, ni jam povos responde presigi provizoran „Programon de niaj 2 fakkunsidoj" en la kongres-gazeto n-ro 7 komence de julio kaj „Heroldo de Esperanto".

Registara kons. Fritz Stengel m.p.
membro de la ŝtata E-ekzamen-komisiono

Rudolf Michael Frey m.p.
ŝtate ekzam. E-instruisto.

Adreso: Wien, I. Neue Burg,
28. Universala-Kongreso de
Esperanto.

---

# Britlando.

## RESUMO PRI BRITA EDUKADO.

Dum la mezepoko la eklezio mastris edukon,

Kiam okazis la protestanta Reformacio oni fermis la lernejojn ĉe la monaĥejoj, kaj dum la regnoj de Eduardo VIa kaj Elizabeto (ni diru inter 1550 kaj 1600, oni estigis multajn tielnomitajn „gramatikajn lernejojn", diversaj karaktere kaj mastre.

Tiaj daŭris dum la jarcentoj, kelkaj ĝis nun. Ili instruis la filojn de mezklasaj kaj antaŭe de riĉaj hejmoj.

Plimalfrue aperis la tielnomitaj publikaj lernejoj (Public Schools) unue por ĉiuj, sed eventuale tiom multekostaj, ke nur pliriĉuloj povis tien sendi la filojn.

Dum la lasta jarcento, oni komencis pripensi la edukon de la industriaj kaj malriĉaj klasoj. Tial, preskaŭ samtempe komenciĝis

privataj, ekleziaj kaj ne-ekleziaj lernejoj. La privataj estis ordinare malgrandaj kaj malmultvaloraj.

La ekleziajn fondis ĉefe asocio, kies plena nomo estas' la Asocio Nacia por instrui la infanojn de la malriĉuloj en la principoj de la Eklezio de Anglujo'. Tio sufiĉe sugestas la ideon kaj la celojn de tiaj lernejoj. La neekleziaj, plimulte fondita de la Brita Asocio de Lernejoj (British School Society) provizis elementan edukon, kaj tre simplan religian. Oni nur permesis legon de la Biblio sen ia eksplikado, ĉar la instigintoj timis la malamikan kritikon de la diversaj sektoj.

Tiuj tute ne sufiĉaj metodoj daŭris gis 1870, kiam oni akceptis la Edukan Akton. Tiu ĉi ordonis ke en ĉiu regiono oni elektu komitaton, la „School Board", kies devo estas la provizo de unu-agradaj lernejoj. Kompreneble, en regionoj kie ankoraŭ ne ekzistis lernejo aŭ nesufiĉaj, ekzemple en la grandaj urboj, oni pli malpli provizis ilin. Sed en la vilaĝoj kaj ne homplenaj regionoj, precipe se jam ekzistis eklezia (t.n. nacia) lernejo, oni spertis multe da kontraŭeco. La „britaj" lernejoj preskaŭ senescepte transdoniĝis al la tiea school board. Sed la pastro ne volas perdi sian influon en „sia" lernejo. Por iome liberigi la infanojn de neekleziuloj oni enkondukis protokolon leĝan, la Klaŭzo de Konscienco (Conscience Clause), kiu permesas al la parencoj, ke illi eltiru siajn infanojn de la religia instruo de la lernejo. En la „naciaj" aŭ sektaj lernejoj oni nature trovas instruon en la katekismo kaj kredoj de la sekto, kiu fondis la lernejon. Depost 1870 multaj, instruistoj kaj aliaj, baraktadas por forigi la pastron el la lernejo, kun miksita, sed kun plejparta sukceso.

Ĉar la „board" lernejoj, sub la publike elektitaj komitatoj, havas monsubtenon el la naciaj kaj regionaj impostoj, ili nature plibone progresadis ol la ekleziaj, kiuj havas nacian, sed ne regionan monhelpon. Tial en 1902 la tiama konservativa regnestro pasigis novan edukan akton, kiu transdonas parte la mastradon de la ekleziaj lernejoj al la regionaj aŭtoritatoj.

Oni forviŝis la apartajn „boards", kaj ordonis ke komitato de la regiona konsilantaro — ĉu urba, graflanda aŭ alia — mastru finance ĉiujn lernejojn. La pastro restas prezidanto de la komitato de individua lernejo, kiu havas la rajton ke ĝi elektu direktoron, aranĝu specialan religian instruon, kaj povas kontraŭi se la regiona aŭtoritato sendas netaŭgan instruiston. Ĝis nun, dank' al sufiĉo da inteligenteco, tre malmulte da kvereloj okazis. Sed lastatempe la ekleziuloj baraktas, kaj en venonta akto ŝajne akiros monhelpon por la konstruado de novaj lernejoj. Ĝis nun, pro la graveco de la sano ktp de la lernantoj oni permesis ke la aŭtoritato riparu la konstruaĵon, aŭ aĉetu la librojn kaj pedagogiaĵojn. La rajto ne estas klara, sed la bono de la lernejuloj estas tro grava por permesi tutan rifuzon. Kvankam la helpo estas necerta kaj malsimila en diversaj regionoj, la geinstruistoj kompreneble subtenas tian helpon, ĉar la

sano, la sukceso, eĉ la ebleco de edukado decidiĝas de tiu.

Mi faris mian eblon, kaj eble tro longe priskribis la prireligiajn disputojn, ĉar la ideoj kaj detaloj en Britujo ne similas al tiuj alilande. La nuntempa pozicio mi resumas tiele: Diverseco ekzistas ĉar, el regionaj, historiaj, rasaj, kaj raciaj kaŭzoj, opinioj varias de loko al loko. Ordinare la aŭtoritato akceptis planon, ĉefe moralbazan, sed havanta simplan biblian instruon. Vizitante lernejon, kion precize oni trovas nature varias iomete laŭ la ideoj de instruistoj. Sed plejparte la parencoj konsentas, tre tre malmultaj estas fortirintaj la infanojn de la religia instruo, kaj estas eble ke oni trovu infanojn de ekleziuloj, neekleziuloj, judoj, kaj senreliguloj, ĉeestante la instruon.

Pardonu se mi tedas vin, sed mi spertis ke alilandaj instruistoj ne facile komprenas la anglan situacion, precipe ĉar nur la ekstremajn ideojn kaj opiniojn, aŭ por aŭ kontraŭ, oni trovas en la ĵurnaloj: dum fakte, oni trovas la pacon interne de la lernejo eĉ se estas batalemeco ekstere.

La eduka vivo de la brita infano diversiĝas iome laŭ regiono. En Sheffield, ekzemple, ĝi povas komenci en la infaneta lernejo dum ĝia tria jaro. Tie ĝi pasigas tempon en ludoj, dormo, kaj simplaj aranĝoj por influi ĝin, por ke ĝi lernu pri sia mondo kaj sin preparu por la infana lernejo atingante sian kvinan jaron. Pasante dum la sepa jaro en la unuagradan lernejon, ĝia unua vera pruvo alvenas dum la deka aŭ dekunua jaro. Tiam okazas pruvo por ĉiuj, se ne ekzistas kaŭzo por forigi ilin. Tiuj kiuj sukcesas en la unua, atakas alian por elekti tiujn, kiuj eniros la duagradan lernejon.

Dumtempe la tre malrapidajn aŭ neperfektajn infanojn, surdajn, miopajn, ktp. oni apartigas en apartajn fakojn aŭ lernejojn. La fizike nefortaj ĉeestas subĉielajn lernejojn, dum taŭga vetero. Tiuj kiuj ne sukcesas en la ekzamenoj restas en la unuagrada ĝis ili havas dekkvar jarojn. Nuntempe oni pripensas aldonitan periodon, sed nature la nuntempa brita regnestro preferas elspezi cent milionojn por murdiloj plivole ol unu por edukado.

La duagrada kurso daŭras kvar jarojn. Tiam okazas ekzameno por abiturienta atesto (School Certificate). Se la ekzamenato gajnas „krediton" en kelkaj specialaj temoj oni ankaŭ donas ateston enmatrikuligan (Matriculation), kiu rajtigas ke li aŭ ŝi eniru la universitaton. Kelkaj ne deziras tion fari, kaj por tiuj estas, post du jaroj plialta ekzameno (Higher School).

Se la lernanto deziras fariĝi inĝeniero, dentisto, drogisto, arĥitekto, instruisto, ktp la abiturienta estas samtempe ofte la unua profesia ekzameno.

Post la duagrada kurso, la komencanta instruisto studas kaj instruas part-tempe en unuagrada lernejo (Student Teacher) dum apenaŭ jaro: tiam eniras aŭ instruistan seminarion aŭ universitaton kun regnestra monhelpo (Scholarship).

La seminarioj pretigas dum du jaroj por instruista atesto (Teacher's Certificate). En la universitatoj, aliflanke, oni studas dum tri jaroj por la universitata diplomo, aŭ arta aŭ scienca. Poste dum jaro oni studas specialan pedagogian kurson kaj, pasinte ekzamenon, gajnas edukan diplomon.

Tiam alvenas la ĉefa malfacilaĵo. Oni devas trovi, sub iu regiona aŭtoritato, oficon en unua — aŭ duagrada lernejo. Estas multe da anoncoj — vidu la anoncpaĝojn de pedagogiaj gazetoj, - sed plimultaj kandidatoj. Eĉ nun, kelkaj el tiuj, kiuj eliris el la kolegioj lastan julion, ankoraŭ ne trovis pozicion. Pri tio oni multe plendas, ĝis nun vane.

Oni klasigas la lernejojn en la diversaj partoj de nia lando, kaj pagas salajrojn laŭ skaloj.

*Skalon* I, la plejmalaltan, oni proponas forviŝi, ĉar nur la plejmalestimindaj, plejavaraj aŭtoritatoj pagas ĝin.

II, multaj vilaĝoj aŭ malgrandaj urbaj pagas.

III, en la mezgrandaj kaj grandaj urboj.

IV, en Londono kaj ĉirkaŭaĵoj.

III komencas je 180 funtoj pojare, sed ĉiam la instruisto devas pagi 5% el sia salajro por provizi pensionon,

En 1931, la „ekonomia" regnestro forrabis 10% de la jara salajro de la geinstruistoj: la eventuala repago de la plena salajro rekomenciĝis lastan julion.

La pensiono komenciĝas *laŭvole* je la 60a jaro, *devige* je la 65a. Oni kalkulas ĝin laŭ la salajro de la lastaj kvin jaroj.

Nu, se vi bonvolas fari demandojn pri tio, kion mi ne plene aŭ klare priskribis, aŭ pri aliaj punktoj, kiuj vin interesas, mi faros mian eblon por respondi al vi.

GEO. W. ROOME.



# Svedujo.

Resumo pri la instruado en Svedujo:

a: sesjaro popollernejo estas sekvata de kvarjara mezlernejo plus trijara gimnazio aŭ de trijara mezlernejo plus kvarjara gimnazio.

b: kvarjara popollernejo estas sekvata de kvinjara mezlernejo plus trijara gimnazio aŭ de kvarjara mezlernejo plus kvarjara gimnazio.

# Usono.

La lastajn jarojn, 1934 kaj 1935, oni plendis en Usono pri kaŝa aŭ eĉ malkaŝa socialista aŭ komunista propagando de geinstruistoj. Oni ne nur plendis pri geinstruistoj en popollernejoj, sed ankaŭ profesorojn de eksterlanda deveno en mezlernejoj kaj en universitatoj oni akuzis pro tio.

Tial oni nun ĵurigas la geinstruistojn en multaj ŝtatoj de Usono, kiel oficirojn.

En Ohio, ekzemple, la ĵuro havas ĉi tiun enhavon : „Mi solene ĵuras (aŭ deklaras), ke mi subtenos la konstitucion de Usono, la konstitucion de Ohio, kaj la tieajn leĝojn, kaj ke mi instruos per miaj paroloj kaj per mia ekzemplo, respekton por la flago, respekton por leĝo kaj ordo kaj fidelecon, sen iu rezervo, al la registaro de unu lando : Usono."

---

# Hungarujo.

En la kadroj de la nunjara Hungarlanda Esperanto-Kongreso, kiun aranĝas la Hungarlanda Esperanto Societo la 15-an de augusto, dum la tagoj de la postkongreso, okazanta 15—18 de augusto kaj aranĝata de la Hungara Esperanto-Federacio, oni festos ankau la 25 jaran jubileon de JULIO BAGHY kaj KOLOMANO KALOCSAY.

Ambaŭ poetoj ĉijare finas la dudekkvinan jaron de sia esperantistiĝo. Je tiu okazo la aranĝantaro invitas ĉiun esperantiston al Budapest. Por pli solenigi la feston, volonte la aranĝantoj legos ankaŭ salutleterojn, parto de kiuj aperos en la **Jubilea Albumo** eldonota de la aranĝanta komitato je tiu okazo.

Salutleteroj estas sendotaj al la adreso Dr. Francisko Szilágyi, Budapest. VII., Peterdy-u 38. Hungarujo. por Baghy-Kalocsay jubileo.

---

# Germanujo.

La lastan dimanĉon de Aprilo sro Van Meegeren, konata samideano el Venlo, vojaĝis kun du aliaj Esperantistoj al Düsseldorf por viziti la tieajn samideanojn. Ĉiuj estis arestataj kaj detektivoj kondukis ilin en la malliberejon.

Dum kvar tagoj oni tenis ilin en tiu malesperiga loko. Fine la limkomisario ĉe la polico en Venlo alvenis kaj savis ilin.

La epilogo estas altgrade amuza :

Du semajnojn poste sro Van Meegeren ricevis el Germanujo fakturon pri la restadkostoj en la malliberejo. La postulata sumo estas 9,74 markoj.

(Laŭ „Haagsche Post".)

# Jugoslavujo.

## Raporto pri nia fakkunveno en Ljubljana.

Dum Pentekosto ĉijara, okazis la IX-a jugoslava esper. kongreso en Ljubljana. En ĝia kadro okazis ankaŭ fakkunveno de jugoslavaj instruistoj-esperantistoj. Ĉeestis instruistoj el 7 lokoj kaj kiel gasto s-ro Ivan Krestanov el Sofia.

S-ro prezidanto kore salutis ĉiujn ĉeestantojn, tralegis ankaŭ salutleteron de TAGE (kiun oni ankaŭ menciis ĉe la solena malfermo de la kongreso) kaj tuj paŝis al la tagordo.

1e. Prezidanta, sekretaria kaj kasa raportoj. Dum la kongreso en Beogrado fondiĝis la Instruista sekcio. Pere de „La suda stelo" ni varbis novajn anojn ; multe ankaŭ helpis tiurilate la cirkuleroj, kiujn la prezidanto forsendadis ĉiujare. Dum la jaro 1934 ni aliĝis al TAGE. Ne ĉiuj sekcianoj aliĝis.

En la jaro 1934 ni havis 20 membrojn, en la jaro 1935 18 anojn kaj nun ni havas denove 20 membrojn. Al TAGE aliĝis 13 sekcianoj.

La unua fakkunveno okazis en Beogrado en la jaro 1933. Poste ne okazis plu neniu fakkunveno pro la nesufiĉa nombro da ĉeestantoj. Sed kun la geanoj la komitato estis en ĉiama kontakto.

La delegitoj akceptis la raportojn kaj liberigis la komitaton.

2e. Kiel prezidanto estis denove elektata s-ano Golobiĉ Peter el Josenice. En la komitaton ankaŭ eniris s-ino Lichtenwallner el Mariboro.

3e. Rilate la IPR opiniis kelkaj delegitoj, ke ĝi estas nesufiĉe ampleksa kaj multekosta. La prezidanto aldonis, ke la estraro klopodas plibonigi la gazeton, sed tio ne povas okazi pro nesufiĉa nombro da abonantoj. Li varbis por TAGE, menciante, se en Jugoslavujo oni atingus la nombron 50, la anoj pagus por IPR nur 37 Din anstataŭ 50 Din (laŭ la kontrakto). Ju pli da anoj, despli bona fariĝos la gazeto.

Rilate la enhavon de IPR : Ĉiu, kiu kapablas verki artikolojn, verku interesajn artikolojn por IPR (instrumetodoj, novaĵoj el la instruista vivo, reformoj ktp). Tiamaniere fariĝos IPR pli interesa kaj alloga. S-ino Lichtenwallner diris, ke ŝi siatempe sendos al IPR artikolon pri instrumetodo.

4e. Diversaĵoj. S-ro Ivan Krestanov informis sin pri la organizaĵoj de instruistoj en Jugoslavujo. Pri tio klarigis f-ino Nira Dobovŝek el Koĉevje. Ĉiuj akceptis la proponon de s-ro Krestanov, ke la instruistaro zorgu por pacamaj artikoloj, kiujn oni devas enmeti en legolibroj. Legaĵoj, en kiuj oni tre taksas la propran nacion kaj malame traktas la fremdan (ofte najbaran) nacion, ne troviĝu en legolibroj.

Ĉar neniu sin plu anoncis al la parolo, fermis la prezidanto la kunsidon. G. P.

# Raporto pri la Internacia Pedagogia Konferenco en Utreĥto,

## 14—20 Aprilo 1936.

(laŭ raportoj de sro J. R. Janssen kaj sro Glück)

Temo: Lerni kunvivi.

La pasintan jaron la nederlanda sekcio de New Education Fellowship, kiu jam kelkajn jarojn vivis kiel la belulino en la dormanta arbaro, ekvekiĝis kaj denove organiziĝis. La unua pruvo de ĝia aktiveco estis la konferenco de 14 ĝis 20 aprilo en Utreĥto, kiu suprenigis la anaron de iom pli ol cent ĝis pli ol 300, kaj donis al ĝi rajton je la nomo: „Nacia Sekcio", por kio minimumo de 200 estas postulata.

La programo, kiu sufiĉe ofte ŝanĝiĝis, ĉar multaj anoncitaj parolontoj ne povis veni pro diversaj kialoj, enhavis flanke de serio da prelegoj pri la aktuala temo: „Lerni kunvivi", kelkajn filmojn kun klarigo. kelkajn ekskursojn kaj koncerton, de la Utreĥta Urba Orkestro kun kunlaborado de la infanĥoro de la utreĥtaj porjunularkoncertoj, ambaŭ sub la gvidado de Henri van Goudoever.

Dum la konferenco kaj apud ĝi, la unuiĝo por infanflegado kaj edukado organizis ekspozicion, kiu ampleksis ĉi-subajn grupojn:

1e. individua laboro de infanoj, montranta krean elementon,
2e. grupa laboro de infanoj,
3e. novaj instruiloj,
4e. lernolibroj, verkitaj laŭ novaj principoj,
5e. sendaĵoj de unuiĝoj, akcelantaj: lerni kunvivi.

Preskaŭ ĉiuj unuiĝoj, kiuj volas renovigon, sin reprezentis ĉi tie kaj ankaŭ diversaj eksterlandaj lernejoj kaj unuiĝoj havis sian standon. Ĉi tiu ekspozicio estas vizitita de multaj personoj, ankaŭ ne-kongresanoj, kiuj per la klarigoj ricevis impreson pri kio estas atingebla pere de pli libera labormaniero.

Kompreneble la impreso, akirita en ekspozicio, donas nur nekompletan bildon de la realo, ĉar ne la laboro kaj materialo montritaj, estas la ĉefaĵo, sed la maniero, laŭ kiu oni atingis la rezultaton.

Grandegan valoron havis tial serio da desegnaĵoj, klare montrantaj kiel oni laboras en tiaj lernejoj.

Mardon, posttagmeze, la konferencanoj estis oficiale akceptataj de la urbestraro en la Sankt. Miĥael-kapelo, kie la urbestro bonvensalutis la diverslandajn partoprenantojn.

Vespere je la 8a la partoprenantoj kaj multaj invititoj ĉeestis la oficialan malfermon. Post kiam la ĉeestantaj aŭtoritatuloj estis salutitaj, la instruskabeno de Utreĥto, sro G. L. de Haas, komencis sian paroladon.

Li indikis, ke la socia kaj pedagogia situacio necesigas priparoladon de la temo: „Kunvivi", kaj ke nur pere de kora kunlaborado inter lernejo kaj socio povas kreski spirito de unueco, kiu finfine kondukos al al internacia kunlaborado sur ĉiu kampo.

En la nomo de la urbo, kie oni kunvenis, „Ultrajectum", t. e. transiro (trans la Rejno, rivero, kiu pli ol kiu ajn alia formas limon inter du popoloj) li vidis simbolon por la sukceso de la konferenco.

Post tio la gvidanto de la kongreso, Inĝeniero Kees Boeke, al kiu oni ŝuldas grandan dankon pro la preparado kaj la bona iro de la konferenco, parolis pri: „La urĝeco de la problemo".

Kiel unu el la plej gravaj bariloj kontraŭ la estiĝo de efektiva kunvivado li vidas la ekziston de du kosmaj tendencoj, kiuj ankaŭ sin manifestas en la pensado kaj kiujn li indikas kiel la konvergan kaj la divergan. Ĉe ĉiu individuo unu el tiuj pensdirektoj estas akcentuata kaj multaj nesolveblaj problemoj kaj konfliktoj havas sian kaŭzon en malsama pensado pri la sama afero.

Ambaŭ observmanieroj havas sian ekzistorajton: malmasivan kuglon oni ja povas

nomi kava aŭ malkava, ĉu oni rigarolu ĝin de interne aŭ de ekstere. Tial oni penadu ĉie al sintezo, kiu kunigas ambaŭ konsiderojn en pli alta unueco.

En antaŭaj epokoj oni povis eviti la malfacilaĵojn forirante al novaj regionoj, nun kiam la tuta tero estas preskaŭ plena, ni ne plu povas elekti.

Komencante per malgrandaj grupoj, maksimume 50, la infanoj estu edukataj al konsciaj anoj de kolektivo, kie la interesoj de iu alia havas la saman valoron kiel niaj, kaj kie la ekvilibro estu atingata inter la severa edukado de antaŭaj jarcentoj (instrui „mores") kaj la nelimigita libereco el la jarcento de la infano.

Merkredon, matene, parolis Profesoro Pierre Bovet el Ĝenevo, kiu pritraktis la temon : „Kiel ni povas forigi la barilojn, kiujn kaŭzas la batalinstinkto al kunvivado".

Li komencis per konstati ke la batalinstinkto vere estas eco de nia korpo. Infanoj otte interbatalas nur pro plezuro. Ĉiu komuno organizas kaj direktas ĉi tiun emon al objektoj ekster ĝi. Nun kiam la mondo fariĝis unu granda komuno la batalinstinkto ne plu povas servi al sociala sento. Plie la moderna milito ne plu kontentigas la individuan batalemon, sed stimulas malkuraĝecon kaj malmoralecon.

Laŭ biologia vidpunkto la milito nuntempe estas : mortigo de la eminentularo, kaj pro tio estas necese konduki ĉi tiun emon laŭ pli bona vojo.

En batalo por paco kaj internacia kunlaborado kaj kontraŭ ĉia malbono en paca, sportiva konkuro, la batalinstinkto trovu sian pli altan destinon.

La edukado povas treege kunlabori, se oni nur pli priatentas la moralan kaj etikan elementon.

(Tre lerte li dufoje menciis la gravecon de Esperanto por la instruistoj kaj por la lernejoj.)

Kiel sprita interludo inter la seriozaj prelegoj kaj diskutoj oni ĝenerale ŝatis la mallongan paroladon de D-ro Neŭrath, kiun li klarigis per bildoj.

Li pledis por „Bildpedagogio" kaj montris per multnombraj ekzemploj kiel multspecaj rilatoj facile povas esti prezentataj helpe de tre malkomplikaj elementoj, klare kaj elokvente. Loĝantardenseco, ĉiaj sociaj rilatoj, la plej tipa de iuj kulturperiodoj li reliefigis per sagace trovitaj simboloj.

Ankaŭ la faradon de tiaj skemoj de infanoj li ekzamenis kaj konkludis, ke junaj infanoj havas la plej grandan statistikan talenton, kaj ke jam je okjara aŭ dekjara aĝo la romantika elemento ĝenas.

La tago finiĝis per ampleksa, historia resumo pri la problemo de profesoro J. H. Gunning Wzn.

Libera evoluo de la memstara personeco, diris li, nur estas ebla en socio pli altnivela ol la natura, kiun ni trovas ĉe la bestoj. Jam de antikvaj tempoj oni klopodis formi ĉi tiun socion pere de organizado, t.e. aŭtoritato aŭ pere de gvidado, t.e. eduko, kiuj ĉiam iras flankon ĉe flanko.

Longan tempon oni neglektis la celkonscian edukadon de la infano kaj dum la individuisma periodo en la pedagogio, kiu daŭris centjarojn, nur kelkiuj priatentis sociedukon.

La anglaj „Public Schools" fondiĝis sekve de tiaj izolaj klopodoj en epoko, kiam la ĝenerala tendenco estis ankoraŭ la kulturo de la persono individua.

Ĝis nun ne superitan ekzemplon de pedagogia kunvivado donis Pestalozzi en Neuhof kaj post li sennombraj personoj celis al eduko pere de kaj por komuno, ĉe kio la aktiva kunlaborado de la lernantoj formas la plej firman ligon inter ekzistantaj antagonismoj. En la nomo „Laborejo Infankomuno" de Kees Boeke la preleganto vidis la plej koncizan resumon de ĉi tiu aktuala eduk- kaj lernejidealo.

Ĵaŭdon, matene, sinjoro W. T. R. Rawson, direktoro de N.E.F., parolis pri la temo : „Libereco, aŭtoritato aŭ estreco". Por ĉiu en ĉiuj cirkonstancoj li pledis, kion li nomis : artistikan liberecon, t.e. liberecon sin esprimi laŭ propra disponiteco kaj karaktero.

Ĉi tiu libereco, kiu estas subjektiva sento, estas tamen io tute alia ol tio, kion ni komprenas per libereco laŭ socia vidpunkto.

Sen aŭtoritato ĉi tiu libereco ne estas ebla, kvankam ĉi tiu aŭtoritato manifestiĝu

plej malmulte per eksteraj rimedoj. Ambaŭflanke respekto kaj rekono de ĉies rajtoj estas kondiĉo por formiĝo de vera komuno.

La principo de kamaradeco estu la bazo por nova komuno, en kiu la estro estas rekonata de ĉiuj, ĉar li restas en kontakto eĉ kun siaj kontraŭuloj, kaj ĉar li klopodas fortikigi la interrilaton, ne subpremante la individuajn sinesprimojn.

Filmo de la unuiĝo por manlaboro montris al ni, kiel ĉi tiu fako ebligas la kolektivan laboron kaj per tio fortikigas la socialan senton.

Granda ĝeno en ĉiu internacia kunveno estas la lingvodiferenco, kaj kvankam oni elspezis multege por malgrandiĝi ĉi tiun ĝenon, oni ne sukcesis forigi ĝin.

Pro tio S-ro Profesoro Julius Glück trovis preparitan teron, kiam li parolis pri „Esperanto kiel helpo lernante kunvivi". Li skizis la disvastigon de ĉi tiu mondhelplingvo kaj la amplekson de la literaturo, kiu sin servas per ĝi; li citis multajn eldirojn de aŭtoritatuloj favore de ĝenerala enkonduko; per multaj ekzemploj li atentigis pri la valoro de la studo de Esperanto kiel preparo por la studo de aliaj lingvoj kaj fine li klopodis konvinki ĉiujn ĉeestantojn pri la neceseco lerni Esperanton.

S-ino Isbrücker kaj S-ro Cseh bonege kaj modele kompletigis la referaton de Profesoro Glück. S-ino Isbrücker parolis nederlande, S-ro Cseh Esperante. Iliaj trafaj respondoj konvinkis la lastajn skeptikulojn. Ili rikoltis grandan aplaŭdon.

Tre efike resumis la kongresprezidanto, la posedanto de la fama lernejo „Laborejo" en Bilthoven, apud Utrehto. Li diris: „La kongreskomitato faris ĉion eblan, elspezis multe da mono, por ke la konferenco bone sukcesu. Ni instalis parolil — kaj aŭdilaparatojn, ni konstruigis aŭdĉambrojn, en kiuj la interpretistoj tradukas.

Kvankam ili bone kaj perfekte regas la kongreslingvojn, tamen oni ne estas kontenta kaj ne povas esti kontenta.

La kaŭzo estas la diverslingveco kaj la neuzado de unu sola kongreslingvo. Se ĉiuj komprenus Esperanton, la kongresaranĝoj estus pli facilaj kaj pli malmultekostaj, pli agrablaj; tial mi rekomendas al ĉiuj lerni Esperanton". Plue li diris: „Mi decidis jam antaŭ kelke da tempo tuj post la kongreso enkonduki Esperanton en mian lernejon, sed ne nur la gelernantoj de mia lernejo sed ankaŭ la instruistaro kaj mi lernos Esperanton, kaj en mia lernejo oni devige instruos la helplingvon."

Ni diru ion pri la diverslingveco en la kongreso kaj pri la solvo de la tradukoj. En la kongresejo estis enkonstruitaj apartaj ĉambroj, el kiuj oni povis vidi sed ne aŭdi la oratorojn parolantajn antaŭ la mikrofono. En la tradukĉambroj sidis tiuj kompatinduloj, kiuj ne regis la lingvon de la parolanto; la tradukantoj, armitaj per aŭdiloj, devis, ho ve, samtempe aŭdi kaj traduki. Pri iu vera sukceso oni ne povas paroli: la lingvaj malfacilaĵoj restis kaj ne estis venkeblaj. Samtempe aŭdi kaj traduki estas neeble. Oni tradukis nur parton, maksimume unu kvaronon, la precizeco ne sufiĉis, eĉ ofte estis erara. Tial oni bone komprenas, ke oni ne estis kontenta.

Finfine oni ne plu uzis la multekostan aparataron, sed la manuskriptojn. tradukante ilin en la diversaj ĉambroj.

Vespere la unua parolanto estis Dro Fritz Redl el Vieno pri: „La problemo de la komunedukado kaj la pubereco". Li diris, ke la realaj faktoroj de la sociala edukado kuŝas en la subkonscio kaj ke ni do demandu al ni mem, ĉu la periodo de la maturiĝo jes aŭ ne estas taŭga por komunedukado.

La evoluo de la infano iras laŭ la plezurprincipo en la infanetperiodo kaj la realecprincipo de la infanjaroj al konscienc formiĝo en la pubereco. Tre gravas ĉe ĉi tio la persono de la edukanto.

En la batalo inter konstruaj kaj detruaj inklinoj edukado en kaj por komuno povas multe apogi.

Ŝajnas kelkfoje, ke komuna malamo pli bone interligas ol zorgema edukado al solidareco. Sed se oni pli bone pripensas, oni vidos ke ĉi tiu interligo estas nur malforta kaj nedaŭra.

De ĝusta aliigado de la batalemeco, kiu sin montras precipe dum la puberecperiodo, dependas la prospero aŭ la pereo de la homaro.

(Daŭrigo sekvos.)

# Nederlando.

Unu semajnon post Pasko s-ro Dolfa Bartoŝik komencis Cseh-metodajn kursojn por tri grupoj da infanoj kaj unu grupo da geinstruistoj en la famkonata modern-eduka lernejo: „De Werkplaats" (laborejo) de Kees Boeke en Bilthoven.

Pro teknikaj kaŭzoj li povis instrui en la „Werkplaats" nur kvin semajnojn. Lia malfacila tasko tamen estis tre plifaciligita, *ĉar oni instruis dum tiu tempo ne la aliajn fremdajn lingvojn.*

Entute estis 76 infanoj 8—17 jaraj apartigitaj en tri grupoj. La kvara grupo konsistis nur el geinstruistoj, gekunlaborantoj de s-ro Boeke. La geinstruista grupo kunvenis ĉiumatene antaŭ la lerneja laboro dum la tuta monato majo. Certe tre instiga ekzemplo por ĉiuj, kiuj diras, ke ili ne povas partopreni en Esperanto-kurso pro okupiteco en lernejo, oficejo, laborejo. Ĉar inter ili estis personoj, kiuj ĉiufrumatene devis bicikli multajn kilometrojn por atingi la lernejon.

La kvina (lasta) semajno estis dediĉita al la komunaj skribaj kaj parolaj ekzamenoj, kiuj devus konvinki ĉiujn skeptikulojn pri la rapida progreso en la lingvo. Estis infanoj, kompreneble precipe inter la plej aĝaj, kiuj bonege sukcesis. Iliaj respondoj, kiuj okazis antaŭ la membroj de la ekzamena komitato, en kiu partoprenis ankaŭ alilernejaj instruistoj, estis tiom fluaj kaj belsonaj, ke la instruisto kaj organizintoj povis nur ĝoji pro tiaj rezultoj. La malsukcesintoj, relative tre malmultaj, estos reekzamenataj post 6 semajnoj.

Ĝenerale la geinstruistoj de la Werkplaats estis tre kontentaj pri la rezultoj de la mallongdaŭra kurso. Oni enkondukos nun Esperanton devige kaj instruos ĝin dum la tuta jaro kiel aliajn lingvojn.

S-ro Kees Boeke do tre ageme efektivigos, kion li promesis en sia ferma kongresparolado en Utrecht.

Post la kurso s-ro Bartoŝik ĝuis trisemajnan libertempon sur la insulo Terschelling kun la infanoj, kiuj tre ĝojis pro tio. Evidentiĝis, ke s-ro Bartoŝik estas ne nur bona instruisto, sed ankaŭ talenta pedagogo, kiu vekis grandan entuziasmon ĉe la infanoj kiel ankaŭ ĉe la aliaj gelernintoj.

(El Ned. Esp.)

# Libroj.

## Lecionoj de mondlingvo „Esperanto".

La unua lernolibro por lerneja gejunularo. Prilaboris Mieczystaco Sygnarski, profesoro de ŝtata gimnazio. Dua eldono, tute ŝanĝita kaj kompletigita per vortaroj Bydgoszcz, eldono de „Scienca Esperanta Rondo" 1935.

Post rapida elĉerpo de 1. eldono, aperis nun la 2., en ŝanĝita, bone prilaborita formo. — Kompare al la, la 2a eldono havas tute novan lingvan problemon. Dum la la eldono bazis sur tekstoj de Dro. Zamenhof, konsideras la nova eldono absolute la vivon kaj medion de la lernanto en sia tempo. Per tio la eldonanto, kiel sperta pedagogo, akiris duoblan utilon:

1o la ekzercado fariĝas al la lernanto pli interesa, kaj la Esp.-lingvo tuj plaĉas al li,

2o la novaj tekstoj donas pli facile eblecon por konversacio, kio precipe por polaj lernejoj tre gravas.

Pli valorigas la novan eldonon ankaŭ la almetita vortaro. La 25 lecionoj, bone aranĝitaj, estas metode klaraj. Ĉiu leciono logike apartiĝas en 3 partoj: gramatiko, leksikono kaj ekzercadoj. Ĉiu parto konsistas el pli da paragrafoj; la parto „ekzercado" regule el tri. Esp.-teksto kaj traduktasko en pola lingvo donas multan okazon por parolekzercadoj, de kio la Esp.-instruisto havas multan utilon.

La nova eldono de la lernolibro ne estas nur por la lernantoj de polaj reallernejoj (kiel estis la unua eldono) sed ankaŭ por lernantoj de profesiaj lernejoj kaj por progresintoj de popollernejoj. Ankaŭ por tiu, kiu aŭtodidakte lernas Esperanton, la libro estas tre utila.

En la antaŭparolo kaj enkonduko de la lernolibro la aŭtoro atentigas pri signifo de Esperanto: samtempe li akcentas, ke ne nur pere de ĝi (Esp.) oni servas al homaro, sed ankaŭ al ŝtato.

Kiam aperis la unua eldono de la lernolibro, ĝi estis la unua eldonaĵo de pola esperantista pedagogo.

Per ĉi tiu eldono la aŭtoro plivastigis Esperanton en Polujo, kaj per la dua eldono la merito de l' aŭtoro en Polujo pligrandiĝis.

- t t -, Berlin.

## Ĉu Socialismo konstruiĝas en Sovetio?

de E. Lanti kaj M. Ivon. Biblioteko de Herezolo, n-ro 1. 52 pĝ. Prezo: 3 fr, fr, plus sendkosto.

Eldonejo: Esperanto, 14 avenue de Corbéra, Paris.

Dialogo inter tri personoj: Futer, Ruper kaj Iver. Tre leginda.

## I. Lejzerowicz: El la Verda Biblio kaj Babiladoj kun Horaĉo Serĉer. Ilustrita de R. Laval.

104 pĝ. Eldonis: Literatura Mondo, Budapest. Prezo: broŝ. sv. fr. 0.90, tolbindita sv. fr. 1.50 plus 10% por sendkostoj.

Tre bona lingvo, sed kial imiti la biblian stilon?

**Plena Gramatiko de Esperanto.** (Vorto kaj Frazo).
de K. Kalocsay kaj G. Waringhien. Literatura Mondo, Budapest. 1935.
372 paĝa. Densa komposto Unua volumo de la lingvo-serio de AELA 1935 (kotizo 10 sv. fr. inkl. afrakon). Prezo broŝ. 8.— ; bind. 9.50 sv. fr. 10% por sendkostoj.

Mi admiras la grandegan laboron de la verkistoj. Sed oni ne montru la libron al komencantoj. Ĝi servus kiel birdotimigilo.

---

## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | |
|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— ŝil. |
| **Belgujo** | 37 fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 kronoj. |
| **Francujo** | 25 frankoj. |
| **Germanujo** | 4 markoj. |
| **Hispanujo** | 12 pes. |
| **Hungarujo** | 7 peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 din. |
| **Latvujo** | 5 latoj. |
| **Norvegujo** | 6 kron. |
| **Polujo** | 8 zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 leoj. |
| **Svislando** | 5 frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse B. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, „Iskar" 79. SOFIO. IV.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** S. Kr. Nielsen, FREDERICIA Röhmagergade 61.

**Estona:** Johannes Jaanisto. Kastani—125—1. TARTU.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES. (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** M. van Mullem 0.58. OPHEMERT, poŝtĉekkonto: 192044.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Gondokoesoeman 7. pav. JOQJAKARTA.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** State Street 556. MADISON (Wis).

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

---

Redactie en uitgave P. KORTE, Schoolstr. 13 Veendam.

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.